Jaro 17-a julio-aŭgusto 1965 N-ro 4



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

Sekretario: J. POPTIE, Poŝtfako 2204, Utrecht, Nederlando
Redaktoro: E. BURGLER, Sportstraat 62, Amsterdam-Zuid
Konto: Algemene Bank Nederland, Amsterdam, No 30.36281

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



*Bona vetero kaj freŝa aero karakterizas nian 17-an kongreson*

# Kunsido de la Terminara Komisiono




La kunsido de la Terminara Komisiono okazis mardon 25/5 posttagmeze en ĉambro de la apudkongreseja hotelo. Ĉeestis aktivaj kunlaborantoj kaj observantoj el 11 landoj, entute pli ol 25 personoj. La aktivecoj de la terminara laboro koncentriĝas al tri projektoj, kiuj estas en firma konekso unu kun la aliaj: DUDEN-bildvortaro, Terminareto (de Gefa eldonota) kaj UIC-leksikono.
Pri la bildvortaro oni jam baldaŭ ricevos la presprovaĵon, laŭ kiu ĉiu tradukinto (por la fervoja fako estis 4) povos konstati, kiun tradukon el la diversaj proponoj la eldonisto volas elekti. Estos okazo por fari ŝanĝproponojn argumentitajn.
Bone progresis la manuskript-pretigo por la Terminareto eldonota de Gefa kun amplekso de proks. 2000 terminoj. La komencaj 13 paĝoj pri la literoj A ĝis F (laŭ la germana alfabeto) estis disdonataj inter la ĉeestintoj kun peto je plibonigproponoj. La daŭrigo de la manuskripto estos poŝte sendota al la samaj personoj. La traduklaboro pri la 5 lingva UIC-leksikono estas daŭrigata flanke de la gvidanto de TK nur en la kadro de la du antaŭe menciitaj projektoj. La pasintjare anoncita dua eldono de tiu ĉi verko prokrastiĝis sed nun troviĝas en la presejo kaj baldaŭ aperos. Ĝi enhavos kiel sesan lingvon la nederlandan, la amplekso estas pligrandigita, la kodnumeroj estas tute novaj. La orientlanda fratorganizo de UIC, nome OSŽD, preparas strikte paralelan eldonon de tiu verko, kun samaj kodnumeroj kaj la lingvoj franca, germana, angla; pri la ceteraj lingvoj ne estas eble akiri aŭtentikan informon.
En Jugoslavio aperis poŝformata lernolibro por fervojistoj, eldonita de JAFE sub la nomo de ĝia sekretario G. Sredić. Pli ol 60 paĝojn ampleksas la vortara parto kaj inter la iom pli ol 50 pure fervojfakaj terminoj tie troveblaj nur malmultaj ne konformas kun la ĝisnun uzataj terminoj de TK, kvankam okazis nenia interkonsiliĝo antaŭe.
Stariĝis — sed ne solviĝis — la demando, ĉu findecido pri la uzotaj fakterminoj eblas aŭ necesas, precipe pri bazaj objektoj por kiuj jam nun ekzistas du aŭ pluraj malsamaj terminoj. La Terminareto vicigos egalvalorajn, paralelajn tradukojn en tiuj kazoj, restos al la uzanto mem la decido, kiun terminon li preferas.

G. Ritterspach

# Junularaj aranĝoj

**dum la 17-a IFEF-kongreso en Hamar**

La 23-an de majo 1965-a okazis la Junulara Kunveno kaj la Junulara Vespero. Partoprenis 44 gejunuloj el kvin landoj, nome el Aŭstrujo, Francujo, Hispanujo, Germanujo kaj el Hungarujo.
Dum la **Junulara Kunveno** s-ano H. Bernier, reprezentanto de la FFEA-Junularo malfermis la kunvenon, menciante, ke en niaj IFEF-Kongresoj la junularo havas eblecon renkontiĝi kaj ĝi povas kontribui al la kongresaj aranĝoj per la prezentado de diversaj programeroj. (Dancoj, skeĉetoj, filmprezentadoj, ktp.)
D-ro Imre Ferenczy, gvidanto de la IFEF-Junularo faris mallongan raporton pri la agado de la Junularo. Li menciis, ke bone sukcesis aranĝi ankaŭ ĉijare la III-an Internacian Fervojistan Esp. Junularan Skisemajnon en Aŭstrujo, kie el kvin landoj pli ol 50 gejunuloj partoprenis. Precipe la franca junularo laboris sukcese en la lasta jaro, sed oni devas la samon konstati ankaŭ pri la Junularo fervojista en urbo Linz (Aŭstrujo).
En la hungaraj kaj jugoslavaj fervojaj lernejoj oni komencis la instruadon de Esperanto. La fervojistaj gejunuloj en Szeged (Hungarujo) havas korespondajn interrilatojn kun la junaj jugoslavaj gekolegoj.
Post la raporto okazis disdono de la donacoj al la plej aktivaj gejunuloj kaj komenciĝis la distra parto de la Kunveno, la **Junulara Vespero.** Francaj gekolegoj preparis la tutan programon, kaj ili prezentis filmojn pri la Skisemajno okazinta en 1965-a. Ni vidis ankaŭ kelkajn skeĉetojn dum la vespero. La ĉeestantaro estis kontenta kaj laŭdis la aktivecon de la IFEF-Junularo.

D-ro I. F.

## RAPORTO DE LA KASISTO

| | 1965 devas pagi | pagita | pagenda |
|---|---|---|---|
| Aŭstralio ........ | 13 × 2,50 = ƒ 32,50 | ƒ 28,65 | ƒ 3,85 |
| Aŭstrio .......... | 236 × 2,50 = ƒ 590,— | ƒ 365,— | ƒ 225,— |
| Belgio .......... | 36 × 2,50 = ƒ 90,— | ƒ —,— | ƒ 90,— |
| Bulgario ........ | 100 × 2,50 = ƒ 250,— | ƒ —,— | ƒ 250,— |
| Britio .......... | 50 × 2,50 = ƒ 125,— | ƒ 70,50 | ƒ 54,50 |
| Ĉeĥoslovakio .... | 60 × 2,50 = ƒ 150,— | ƒ 150,— | ƒ —,— |
| Danlando ........ | 87 × 2,50 = ƒ 217,50 | ƒ —,— | ƒ 217,50 |
| Finnlando ...... | 48 × 2,50 = ƒ 120,— | ƒ —,— | ƒ 120,— |
| Francio ........ | 303 × 2,50 = ƒ 757,50 | ƒ 94,12 | ƒ 663,38 |
| Germanio ...... | 643 × 2,50 = ƒ 1607,50 | ƒ 1240,— | ƒ 367,50 |
| Hispanio ........ | 170 × 2,50 = ƒ 425,— | ƒ 426,07 | ƒ —,— |
| Hungario ........ | 154 × 2,50 = ƒ 385,— | ƒ 150,— | ƒ 235,— |
| Italio ............ | 107 × 2,50 = ƒ 267,50 | ƒ 256,50 | ƒ 11,— |
| Jugoslavio ...... | 95 × 2,50 = ƒ 237,50 | ƒ —,— | ƒ 237,50 |
| Nederlando ...... | 121 × 2,50 = ƒ 302,50 | ƒ 305,— | ƒ —,— |
| Norvegio ........ | 56 × 2,50 = ƒ 140,— | ƒ 137,50 | ƒ 2,50 |
| Pollando ........ | 25 × 2,50 = ƒ 62,50 | ƒ —,— | '62 '63 } ƒ 112,50<br>'63 '64 } ƒ 62,50 |
| Svedio .......... | 153 × 2,50 = ƒ 382,50 | ƒ —,— | ƒ 382,50 |
| Svislando ........ | 120 × 2,50 = ƒ 300,— | ƒ 300,— | ƒ —,— |
| | ƒ 6442,50 | ƒ 3523,34 | ƒ 3035,23 |
| | Pollando + ƒ 112,50 | ƒ 3035,23 | ƒ 112,50 |
| | ƒ 6555,— | ƒ 6558,57 | ƒ 2922,73 ('65) |
| | | — ƒ 1,07 Hispanio | |
| | | ƒ 6557,50 | |
| | | — ƒ 2,50 Nederlando | |
| | | ƒ 6555,— | |

La 29-an de aŭgusto 1965-a.
Kontrolita de: H. Becker kaj J. A. Hardeveld.

## BUDĜETO POR LA JARO 1966a

| **Enspezoj** | | **Elspezoj** | |
|---|---|---|---|
| Kasenhavo 26-8-1965 ........ | ƒ 4670,65 | Kasenhavo .................. | ƒ 4670,65 |
| Kotizoj de la sekcioj .......... | ƒ 6300,— | Preskostoj L.I.F. .............. | ƒ 4300,— |
| Izolaj membroj .............. | ƒ 10,— | Afrankkostoj L.I.F. .......... | ƒ 600,— |
| Abonantoj/subtenantoj ....... | ƒ 125,— | Aliaj afrankkostoj ............ | ƒ 170,— |
| Pagendaj kotizoj ĝis dec. 1965 | ƒ 3080,23 | Kotizoj 1965 .................. | ƒ 2922,73 |
| Rentumo 1965 ................ | ƒ 130,— | Estrarkunvenoj ............. | ƒ 30,— |
| Donacoj ...................... | ƒ 25,— | Vojaĝkostoj estraro .......... | ƒ 80,— |
| Vendotaj glumarkoj I.F.E.F. .. | ƒ 5,— | Subvencio UEA/SAT ........ | ƒ 30.— |
| Vendotaj gramofondiskoj .... | ƒ 15,— | Revizio de la regularo ........ | ƒ 80,— |
| | | Presigo de la statuto k. regularo | ƒ 400,— |
| | | Kontorbezonaĵoj .............. | ƒ 400,— |
| | | Neantaŭvideblaj kostoj ...... | ƒ 436,50 |
| | | Neenkasigeblaj kotizoj (iz.m.) . | ƒ 41,— |
| | | Profito ...................... | ƒ 200,— |
| | ƒ 14360,88 | | ƒ 14360,88 |

# Plej moderna trakvagonpesilo

Traduko el „Kundenbrief" n-ro 5/65 de Joachim Giessner.

En la stacio Bremerhaven Fischereihafen mankis sufiĉe laborpova vagonpesilo, sur kiu ŝarĝitaj fridvagonoj povas esti pesataj kiel eble plej rapide. Pro tio oni konstruis modernan entrakan pesilon kun klineco de 1 : 20 en la ordigmonto (bildo 1). La nekuplitaj fridvagonoj ope ruliĝas kun rapideco de 5 m/sek = 18 km/h trans la pesilponton (bildo 2). Por la procedo oni bezonas 11,5 sekundojn, nome 3,5 sek. por la pesado mem kaj 8 sek. por presi la pesadslipon. La komercrapideco sur la pesilponto ne rajtas esti pli granda ol 4 m/sek kaj estas kontrolata de rapidec-kontrolilo. Se la rapideco estas pli granda ol 4 m/sek, la pesilo aŭtomate estas malfunkciigata. El tio rezultiĝas, ke la fridvagonoj nur en intervaloj de 14 sekundoj rajtas veturi trans la vagonpesilon. La pesilo laboras plenaŭtomate. Matrikulnumero kaj taro de ĉiuj vagonoj laŭ la manovrad-slipo estas antaŭregistritaj en elektrona registrilo (bildo 4) troviĝanta apud la pesilo. Kiam la koncerna fridvagono transveturas la pesilponton, ĉi tiuj indikoj aŭtomate estas elprenataj kaj komunikataj pere de la vagonpesilo al registro-tajpilo (bildo 3), kiu troviĝas en la vareksped-oficejo en distanco de 2 kilometroj.



*Rajono antaŭ la pesilo*

Dum la pesproceduro la pesiloficisto komparas la matrilkulnumeron skribitan sur la vagono mem kun la vagonnumero en la elektrona registrilo, kiu precize antaŭ komenco de la pesado aperas sur lumigita tabula en grandeco de ĉ. 6 cm.



*Pesilo en la ordigmonto*



*Registro-tajpilo*

En kazo de eraro aŭ neĝusta vico oni povas por ĉi tiu vagono malkonekti la proceduron aŭ bloki ĝin por pli posta tempo. La registrotajpilo en la varoficejo transprenas de la vagonpesilo la kuntaran pezon, kaj el la elektrona registrilo la taron de la vagono. El tio ĝi aŭtomate kalkulas la diferencon, t.e. la sentaran pezon de la vagonkargo. Ĉiuj tri pezvaloroj estas presataj sur pesadslipon, sur kiu ankaŭ aperas la dato kaj kuranta kontrolnumero. La pesadslipoj estas faritaj en senfina bendo.
Ĉe tiu vagonpesilo samtempe estas krompresitaj sur enŝlositan kontrolbendon la pesdato, kontrolnumero, kuntara pezo kaj vagontaro.
Uzante kutimajn vagonpesilojn, oni bezonas por pesado, manovrado kaj kromlaboroj po 10 vagonoj ĉ. unu horon. La aŭtomata entraka vagonpesilo sur la ordigmonto en Bremerhaven-Fischereihafen kapablas prilabori ĉ. 240 vagonojn dum unu horo.

Kelkaj teknikaj informoj:

| | |
|---|---|
| maksimuma pesebleco ............ | 60 t |
| propra pezo ...................... | 45 t |
| portmaksimumo .................. | 310 t |
| maksimuma interaksa distanco de pesotaj vagonoj ................ | 8 m |
| longeco de la pesilponto .......... | 25 m |

*Elektrona registrilo*



## REZOLUCIO

*La nacia kongreso de la Unuiĝo Franca por Esperanto* kunsidinta la 6-an de junio 1965, unuanime:

agnoskas

ke la jaro 1964 distingiĝis en nia historio per la apero de la unua originala parolfilmo en *Esperanto;*

gratulas

la Estraron de U.E.A., ke ĝi donis sian aŭspicion al tiu filmo;

des pli multe miras

ke la jarlibro de 1965, ne entenas alian mencion pri *„Angoroj"*, ol tutpaĝan reklamon pagitan de la aŭtoro;

bedaŭras

ke la L.K.K. de *Tokio* preteratentis la utilon, kiun prezentado de tiu filmo alportus al la disvastiĝo de *Esperanto* en tiu mondparto;

esperas

ke la Estraro de U.E.A. estontece instigos la naciajn asociojn fari en sia lando vastan uzadon de tiu nova, efika kaj nun elprovita rimedo de propagando.

## JUBILEO

La grava internacia turista asocio „La Naturamikoj" festas en ĉi tiu jaro la jubileon de sia 70-jara ekzistado. Pro tiu evento estas eldonata 72-paĝa festbroŝuro en la lingvoj angla, franca, germana, nederlanda, kaj ankaŭ en Esperanto. La prezo de la broŝuro estas proksimume 4 steloj.
Ĉiu esperantisto devus mendi la esperantlingvan eldonon de tiu festbroŝuro. Vi subtenos per tio la agadon de la Esperanto-fakgrupo en la Turista Asocio „La Naturamikoj", kaj la internacian kampanjon „Esperanto en Turismon". Mendu la festbroŝuron se eble ĉe la grupo de la Turista Asocio „La Naturamikoj" en via urbo. Insistu ke vi deziras la eldonon *esperantlingvan.* Se vi ne konas la adreson de via loka aŭ landa asocio, mendu rekte ĉe

Sekretariat
der Naturfreunde-Internationale
Dreikönigstr. 7
CH-8002 Zürich
Svislando



*Malantaŭe: La montaro „Altaj Tatroj"*

# EM 475.1 elveturas

(Artikolo en Technicky tydeník n-ro 39/1964, trad. -eto)

Lokomotivoj havas strangajn nomojn — respektive nur numerojn kaj literojn. Laŭ tiuj ĉi tamen ĉiu informita fervojisto precize ekkonas, pri kio temas.
Nu do EM 475.1 estas tute nova elektra motorvagona unuo kun kvarera garnituro, kiu plej baldaŭ ekveturados el grandaj industriocentroj kaj urboj al ilia ĉirkaŭejo, por rapide kaj fidinde transporti iliajn loĝantojn en la ĉiutagan laborokupon kaj reen. Tiel ekzemple la liniparton Praha — Kolín, kiun rapidegtrajno senhalte absolvas dum unu horo, la nova trajnounuo plenumas tiun ĉi vojaĝon ankaŭ dum unu horo — kun la diferenco, ke ĝi haltas en ĉiuj stacioj kaj haltejoj, kies vico estas sufiĉe multnombra. Tio pruvas la kromordinaran akcelemon kaj ankaŭ la bremsilaron, kiujn havigis al ĝi la laboruloj de ĉeĥoslovaka vagonuzino „Tatra" en Studénka.
EM 475.1, kiun admiri estis ebligite al la vizitintoj de la nunjara Specimena foirego de Brno, atingas eminentajn ecojn de tutmonda nivelo, kiuj ebligas al ĝi prezenti maksimumajn trafikajn funkciojn: ĝi ekveturas kun akcelo de 0,7 m/sek, tio rezultas, ke post duonminuto ĝi rapidegas jam 75 km/horo.
La sekuran ekspluaton de la trajno garantias aŭtomata regado de la ekveturo kaj linia sekuriga aŭtomatinstalaĵo. La garnituro transportas 680 vojaĝantojn komforte. La unuaj tiuspecaj trajnoj funkcias jam sur niaj fervojlinioj. Dependas nun de la vojaĝantoj, ke la agrabla kaj bela internaĵo ne malnoviĝu pli frue, ol estas necese kaj komprenebla de ĈSD (Ĉeĥoslovakaj ŝtataj fervojoj), ke ili konstruigu en plej multaj stacioj konvenajn peronojn, kiuj ebligu la enŝtupadon en la vagonojn sen malfacilaĵoj.

La „tago de fervojistoj" (ĉiujare la 28.9. estas dediĉata kiel „festotago" de ĉeĥoslovakaj fervojistoj — rim. de la tradukinto), kiu nunjare bonvenigis la unuan trajnon EM 475.1, estas konstatonta venontjare absolutan kontentecon de vojaĝantoj pro la laboro kaj klopodo por perfektigo de la vojaĝkulturo.

# 3-landa Esperantista renkontiĝo ĉe Bodensee

**Inaŭguro de Esperanto-vojo en Romanshorn 25 - 26-a de septembro 1965, en hotelo Bodan.**

PROGRAMO:

*Sabate, 25.9.*

12.00 Akceptejo en la stacidomo malfermata;

14.00 Malfermo de libro-ekspozicio/vendejo;

17.15 Inaŭguro de Esperantovojo (Waldmann/Scheffelstrasse) fare de membro de la komunuma konsilantaro. Partopreno de Muzika Societo Romanshorn;

20.00 Distra Vespero kun HoHo, la esperantista sorĉisto/ventroparolanto — popoldancoj-prezentadoj — muziko-surprizoj.

*Dimanĉe, 26.9.*

9.00 Promenado tra la vilaĝo kaj ĉe la lagobordo Malnova preĝejo kun freskoj kaj elfosaĵoj, modernaj lernejoj — libroekspozicio;

13.30 Varia Posttagmezo „Ni estis en Tokio", Fiat-filmoprezentado, Medita horo.

Detala programo mendebla ĉe Otto Walder, Waldmannstr. 10, 8590 Romanshorn.

Montru vian simpation al la komunuma estraro de Romanshorn, kiu kiel unua en Svislando decidis nomigi Esperantostraton. Venu multnombre.



# NEKROLOGO

Forta bato trafis nian movadon ĝenerale kaj I.F.E.A. aparte: la 1-an de julio 1965-a mankis al la amemo de iliaj gekaruloj kaj al la konsidero de la tuta esperantistaro, nia kara amiko:

**D-ro Inĝ. OTELLO NANNI**

Delegito de Universala Esperanto-Asocio en Bologna — Prezidanto de la Bologna Katedro de Itala Instituto de Esperanto — Nacia Konsilanto de I.F.E.A. — Membro de la estraro de Itala Instituto de Esperanto inter kies fondintoj li estis, en Bologna dum la jaro 1913-a — Eks alta funkciulo de Itala Ŝtata Fervojo — Organizinto, kiel vic-prezidanto de la Nacia Kongreso de Esperanto dum 1952-a — Kolonelo de la Pioniraro (Genio) — distingita per bronza medalo pro milita valoro. — Fondinto de la Bologna Esperanto Grupo „A. Tellini".

Li estis 73 jaraĝa, sed ankoraŭ juna laŭ aspekto kaj spirito.

La sciigo de la morto de Inĝ. Nanni tre konsternis min. La malĝoja signifo de tiu sortobato malfacile enpenetris en la cerbo de ni, kiuj dum jaroj fidele kunlaboris kun li: ĉu en la oficejaj taskoj dum la deĵoro, ĉu en la Esperantaj organizaĵoj por la bono de nia fervojista movado kaj de la Bologna katedro.

Li dediĉis la tutan vivon al familio, al profesia laboro al Esperanto-Movado kaj al ĝiaj noblaj idealoj laŭ la Zamenhofa vojo. Li konis rekte nian Majstron D-ron L. L. Zamenhof kaj estis en daŭra korespondado kun li ĝis lia morto. Li sin deĉidis al Esperanto ek de la jaro 1909-a, kiam li estis juna studento, kaj gvidis multegajn Esperantajn kursojn kaj prezidis ekzamen-komisionojn ĝis la lastaj monatoj, kvankam li estis jam malsana.

Li havis multegajn amikojn en Italujo kaj eksterlande, en kaj ekster nia movado; kune kun ni ili funebras pro la forpaso de tre kara amiko. Ni kiuj partoprenis la enterigan ceremonion kaj sekvis lian ĉerkon sub la verda standardo akompanante la florkronon kiu reprezentis la kondolencojn de la Bologna Esperanto-Grupo kaj de Itala Fervojista Esperanto-Asocio, ni ideale reprezentis lian multnombran Esperantan amikaron, kaj prenis la torĉon de nia mortinto por daŭrigi nian vojon por Esperanto.

Ni komprenas ke lia forpaso estas terura bato por tiuj kiuj postrestas, la edzino kaj la du gefiloj, kaj esperas ke la tempo iom post iom cikatrigos la teruran vundon. Ni sendas per tiuj linioj al ili sincerajn kondolencojn kaj esperas ke nia profunda partopreno iom mildigos ilian doloron.



Vilho Setälä, Ebbe Vilborg, C. Stöp-Bowitz: *„Esperanto-Moderna Lingvo,* studo baze de la Fundamento. Kun antaŭparolo de prof. W. E. Collinson. Eldonis Fondumo Esperanto, Helsinki. 136 p. 145 × 102 mm.

Prezo 15 steloj; unuopaj ekzempleroj livereblaj al eksterlando kontraŭ 9 RK de Fondumo Esperanto, poŝtfako 18022 (lokero), *Helsinki,* Finnlando, aŭ Eldonejo Esperanto, Boks 942, Oslo 1, Norvegujo. — Enlanda prezo en Finnlando 4 mk (kun imposto), Norvegujo 9 kr., Svedujo 5,70 kr., ĉe Eldona Societo Esperanto, Fack 7043, Malmö.

La libro prezentas per senpasia kaj objektiva stilo la participan problemon de Esperanto de la vidpunkto de „tempuloj", bazante sin sur la Fundamento de Esperanto kaj aliparte sur moderna lingvistiko kaj la historio de la hindo-eŭropaj lingvoj. Ĝi estas la unua teoria studo de la problemo, kiu penas neŭtrale prezenti la vidpunktojn de ambaŭ partioj. Rekomendinda verko.

**Ĉion, kio koncernas la revuon, ankaŭ la interŝanĝnumerojn sendu al la redakcia adreso: Burgler, Amsterdam, Sportstr. 62.**
**Tro da tempo perdiĝas pro malĝusta adresigo.**



Esperanto-Presejo - Hardinxveld